I T A L A F E R V O J I S T O - Informa Bulteno

## INFORMILO

**pri la 27a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno en Sils (Svisio)**

Ĝi okazos de la 11a ĝis 18a de Januaro 1986, por havi pli malaltajn prezojn kaj pli agrablajn kondiĉojn en trafikiloj kaj sur liftoj. Ni disponos tie pri kompleta hotelo kun - laŭ svisa preznivelo - kontentige favoraj prezoj en diversaj ĉambro-kategorioj. Parte la ĉambroj estas dulitaj (ekzistas nur tre malmultaj unulitaj), sed ankaŭ trilitaj aparte prezfavoraj. La maksimumo de partoprenantoj povos esti 60. La hotelo havas propran saŭnon kaj situas rekte apud la skivojo en la vilaĝparto Sils--Baseglia (pron. Baselja). Apude fluas la rivereto Inn, la sama, kiu enbuŝiĝas en Passau en la Danubon.

Sils situas en la svisa kantono Graubünden 10 km. okcidente de la konata sporturbo St. Moritz en alteco de 1800 m. en la belega valo de la Supra-Engadino. Certe ne estas tro multe promesite, kiam oni diras: Tie ni povos garantii neĝon. La apudflankaj skimontoj en tiu regiono estas 2800 m. altaj, sed tre proksime ekzistas kelkaj ĝis pli ol 3000 m. Amaso da liftoj disponeblas. Longdistancaj skiemuloj kaj skimigruloj trovas preparitajn skivojojn pli ol 90 Km. longajn. Por piedirantoj same ekzistas multaj kilometroj da flegitaj promenadvojoj. Facile atingeblaj per "sportbusoj" ĉiun duonan horon estas la belegaj skiregionoj de l'tuta Supra-Engadino, Pontresina kaj Bernina. En Sils troviĝas du publikaj naĝejoj.

Jam la vojaĝo per la etŝpura Retia Fervojo al St. Moritz estas grandega ĝuo. De tie ĉiun duonan horon trafikas aŭtobusoj al Sils, kiuj haltas 2 minutojn for de la hotelo. Ekzistas diverspecaj rabatoj por la regionaj trafikiloj. Dependas de tio, kion deziras la concerna persono. Ekzistas abonbiletoj validaj nur por busoj kaj fervojo, aliaj ankaŭ por liftoj (ĝeneral-abonbileto). Kompreneble luado de skioj, ŝuoj kaj sledoj eblas. Neelĉerpeblaj eblecoj estas por fari Ski-migradojn, pied-ekskursoj, kaj ĉiutage la alpinaj skiantoj povas frekventi alian ski-monton. Pro tio ni kontraktis kun la hotelo nur duonan pension, por ke neniu estu devigata reveni tagmeze al la hotelo.

La prezoj por 7 tagoj po persono kun maten- kaj vespermanĝoj antaŭvideble estos en ĉambro kun fluanta akvo (duŝo sul la etaĝo) dulita ĉ. 295 sfr, unulita 365 sfr, trilita 225 sfr; en ĉambro dulita kun duŝo//WC aŭ banejo/WC, sen aŭ kun balkono de 365 ĝis 525 sfr.

Al la liftoj estas 15 minutojn piede aŭ per Buso ĉiun duonan horon. Kelkaj partoprenontoj de la skisemajno povos plilongigi la restadon je unu semajno (tre rekomendinda). Por ĝi ili kalkulu prezojn 10% pli altajn. Vegetaranoj povos tion anonci per la aliĝilo.

Ankoraŭ kalkajn interesajn detalojn pri la Retia Fervojo: larĝeco unu metro, 118 tuneloj, 499 viaduktoj, ĉ. 400 km. da linioj de Disentis resp. Chur ĝis Tirano ĉe la itala limo. Plej alta tunelo (sub Albula) 1823 m., kiun vi traveturos, plej alta punkto Bernina Pasejo 2257 m., kiun ni tutcerte vizitos.

Aliĝiloj estos riceveblaj ekde septembro. Mendu ilin ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3,D-3420

HERZBERG am Harz. Al tiu adreso
bv. laŭeble jam pli frue direkti
vian intencon partopreni kaj ĉiujn
ĝeneralajn demandojn. Tamen pro
ĉio, kio koncernas la financan
flankon de la skisemajno, bonvo
lu turni vin al Gertrud Eggenber
ger, Wurmbühlstrasse 10, CH-8405,
WINTERRTHUR.
Pro la limigita litonombro ni tr
aktos la partoprenanoncojn provi
zore en la laŭvico de ilia alve
no.

## I N V I T O

### al la jarkunveno de GEFA

La Germana Esperanta Fervojista
Asocio (GEFA) kore invitas siajn
membrojn kaj ĉiujn eksterlandajn
geamikojn de la Internacia Ling
vo al sia 29a jarkunveno, kiu ok
azos de la 4a ĝis la 6a de okto
bro 1985 en la nordbavara urbo
LICHTENFELS ĉe la supra Main-ri
vero.
Lichtenfels estas elstara perlo
en Frankonio kaj vaste konata ki
el korbourbo pro la tie praktika
ta metio de plektado. Super la
rava kuliso de la mezepoka urbok
erno leviĝas la kastelo el la
16a jarcento. En la barokstila
urbodomo la urbestro akceptos la
kongresanojn. Kunvenejo estos la
gastejo "Bergschloss" (monta ka
stelo), en iu disvolviĝos krom
la laborkunsidoj ankaŭ la komuna
j manĝoj kaj la festvespero kun
sekva dancado kiel ankaŭ la dima
nĉa mateno.
La duontaga aŭtobusekskurso kon
dukos al la vidinda kastelo Banz
kaj al la fama baziliko "14 sank
tuloj". Ankaŭ vizito al la korbm
uzeo estas antaŭvidita.
Intersuloj aliĝu eble plej baldaŭ
per adreso de s-ro Hans Müller,
Zweigstrasse 2, D-8620 LICHTENFELS
(tel. 09571-5998). La kunvenkotizo
estas 12 gm (DM). Familianoj kaj
junuloj pagas 10 gm. Eksterlanda
noj pagos post la alveno.

## ESPERANTO: PAŜO AL LA PACO

### Publika manifestacio en Bolonjo

"Esperanto pli ol ĉiuj aliaj ling
voj, pro sia historio, pro sia st
rukturo, pro sia uzado, esprimas
la volon unuigi la popolojn kaj
la homojn trans ilia nacieco; ki
el la ĉielarkkolora flago kaj si
aj koloroj (simbolo de multaj pa
cistaj movadoj) esprimas la multa
jn koloroj de la idealecoj kaj de
la popoloj de la mondo, tiel Espe
ranto, kun sia struktura kaj for
ma heterogeneco, esprimas kaj de
fendas la plurecon de la lingvoj
kaj de la kulturoj de ĉiuj po
poloj, favorante ilian interkompr
enon." Ĉi-tiuj estas la vortoj
de neesperantisto, Profesoro Vit
torio Pallotti, kiu partoprenis
la manifestacion kiu estis organ
izata en Bolonjo (Italujo) la pa
sintan 29an de marto.
Esperanto: un passo verso la pace
(Esperanto: paŝo al la paco) esti
s la titolo de la manifestacio, or
ganizata de la Esperanto-Grupoj
de la itala regiono Emilia-Roma
gna. Dum ĝi parolis Valerio Dalla
prez. de Bolonja Esperanto Grupo,
Luigi Tadolini, ano de la estraro
de Itala Esperanto Federacio, Vit
torio Pallotti kaj Monsinjoro Gio
vanni Catti reprezentantoj de la
Komitatoj por la Paco de Bolonjo.
Fine de la paroladoj okazis konce
rto de Deborah Kooperman, kantist
ino naskiĝinta en Usono kaj vivan

ta en Bolonjo de longa tempo.
La celo de la manifestacio estis kunigi la proponon de la Esperantistoj kun la senco, la idealoj kaj la agadoj de la Pacista Movado: ne malfacilis, kompreneble, atingi tiun celon. Ĉiuj parolantoj konsideris la lingvan proponon de la Esperantistoj: ege taŭga por agi kontraŭ naciismo, por doni novan ilon al pacista agado, por konstrui amikecon inter la homoj kontraŭmeteblan al la malsukceso de la estraj intertraktadoj.
Je la manifestacio ĉeestis preskaŭ cent tridek homoj.

## LA FERVOJISTOJ ESPERANTISTOJ EN DANLANDO

La 37-a I.F.E.F.-Kongreso okazis en Vejle de la 17-a ĝis la 23-a de majo 1985-a.
La ĉarma urbo Vejle, en la fono de la belega fiordo, gastigis la fervojistojn Esperantistojn la kvaran fojon en Danlando.
La kongreson, organizitan kunlabore de la kvar Nordaj Skandinavaj landoj (krom Danio: Finnlando, Norvegio kaj Svedio), partoprenis pli ol 300 personoj el 19 landoj.
La Itala delegacio konsistis el 20 gefervojistoj kiuj reprezentis la "D.L.F." de Alessandria, Bolonjo, Ovada, Romo, Venecio kaj Verono.
Kion diri pri la kongreso: Ĉiuj programeroj estis interesaj. Cu kulturaj: Altnivelaj koncertoj: en unu ludis violono, spineto, kantĥoro kaj orgeno en la preĝejo S.ta Nikolao. En la alia, la Fervojista Orkestro de Fredericia, ludis dum la solena inaŭguro kaj poste sur la Urbodoma Placo de Vejle. Rimarkinde: ĉiuj paroladoj dum la solena inaŭguro estis en Esperanto. Pluraj prelegoj prezentitaj de Jan Sosniecki, Gvozden Sredič, Hans Amud Rosbach, Per Johan Krogstie, Werner Bormann kaj Poul Thorsen, pri kulturaj temoj.
La prezentado de la rezultoj de la Literatura Konkurso de IFEF "Bonvojaĝu", fare de E. Kruse, plenigis la salonon de atentaj spektantoj. La 1-an premio gajnis nia amikino Germaine Lemonnier kiu estis ankaŭ nomumita honora membro de IFEF.
La fakaj programeroj rilatis al tre interesa fakprelego kaj al la prezentado de la fervojaj aktualaĵoj el diversaj landoj. En ĝi partoprenis la itala delegito D-ro Bolognesi kiu komentariis 13 diapozitivojn pri la elektronikaj instalaĵoj ĉu en regadejoj, ĉu en komputila centralo, ĉu sur la lokomotivoj.
Novaĵoj pri niaj IFEF-kongresoj estis aparta kunveno, sub gvidado de D-ro Alberto Menabene, pri "Movadaj aferoj", kiu substrekis la gravecon de interŝanĝo da informoj, spertoj kaj konsiloj pri la rezultoj atingitaj en ĉiuj landoj ĉe fervojaj instancoj kaj organizaĵoj kaj alie favore al Esperanto.
Belegaj ekscursoj kaj la distra parto kompletigis la kongreson. Menciindaj la "Nordia distra vespero" kaj la "kabareda vespero", la bankedo kaj la internacia balo.
La Jugoslaviaj kolegoj per vortoj kaj filmoj invitis al la venontjara I.F.E.F.-Kongreso en Skopje kaj disdonadis abundan materia

lo pri ĝi. La 38-a I.F.E.F.-Kong reso okazos de la 17-a ĝis la 23-a de majo 1986-a.
La Pola vicministro inĝ. Aleksan der Rodak, kiu gvidis la Polan delegacion kaj estis inter ni la tutan semajnon, afable invitis al la 39-a I.F.E.F.-Kongreso en la regiono de Katowice.
La grupo de Bolonjanoj organizis mallongan "postkongreson" en Kop enhago kie renkontiĝis kun la ka rnavalo de "Pentekosto" kaj kun la piedpilka teamo de Verona, ĉa mpiono de Italio, kiu ludis kaj venkis ankaŭ en Danlando.
Ne antaŭvidita plilongiĝo de la vojaĝo okazis en Svislando kie ni restis por atendi la fino de fervoja striko en Italio.
Kav.p.i.Germano Gimelli

N E K R O L O G O J

Prof. D-ro Mario Dazzini forlasi s nin por ĉiam: la malĝoja novaĵ o atingis nin antaŭ kelkaj tagoj.
La nomo de Mario Dazzini identiĝ as al "Esperanto" ĉar liaj Esper antaj meritoj estas multegaj kaj multflankaj: brila oratoro, tre kapabla instruisto, spertega org anizanto, subtila prezentanto de la lingvo kaj de la "interna ide o". Liaj konoj kaj argumentoj al portis favore al Esperanto presk aŭ ĉiujn aŭtoritatojn, ĉu lernej ajn, ĉu aliaj.
Li kune kun la fratino estis apa rte ligitaj al la Bolonjo espera ntistaro kaj al Fervojistoj Espe rantistoj. Ili ĉiam ĉeestis en la Esperantaj manifestacioj en B olonjo kaj en nia Regiono. Ĉiuj kunvenoj kaj kongresoj de Espera nto enhavis la gefratoj Dazzini, kiuj multfoje estis inter la org anizantoj aŭ prelegantoj aŭ help antoj aŭ donis konsilojn.
Kiel ĝenerala Sekretario de I.L. E.I. (Internacia Ligo de Esperan tistaj Instruistoj) li estis tre konata internacie kaj donis bril on al tiu Ligo kiu fariĝis membr o de UNESKO, danke al li.
La memorindaj kongresoj kiuj oka zis en Massa (jaroj 1956 kaj 1976), kaj la multnombraj kunvenoj ĉu i nterregionaj ĉu landaj, de li or ganizitaj kune kun la fratino es tis etapoj de la agado de Mario Dazzini.
En la I.E.F. (Itala Esperanto Fe deracio) li estis Estrarano de ĉ iam, kaj longjare Prezidanto.
Vere lia morto estas grava perdo por la Esperanto Movado.
Ni ploras la neforgeseblan amikon.
Ke li ripozu en Paco!
Al la fratino Catina kaj al cete raj gefamilianoj niajn plej sinc erajn Kondolencojn.

---

La Itala Esperanto Movado perdis unu el la plej malnovaj kaj sper taj pioniroj. S-ino Wanda Sabell i Asquini mortis la 25-an de mar to en Bolonjo. Ŝi naskiĝis en Tr iesto antaŭ 94-jaroj, esperantiĝ-is jam antaŭ la jaro 1911-a kaj longe agadis en la vigla Triesta Esperanto Asocio.
S-ino Sabelli estis membro de ni a Asocio ekde 30-jaroj. Ŝi alpro ksimiĝis al Fervojista Esperanto Movado per la gvidado de kursoj kaj direktado de ekzamenoj de Es peranto ĉe Dopolavoro Ferroviari o de Triesto.
Jam dum septembro 1956-a ŝi alpr oksimiĝis al Bolonjo, ĉar okaze de la neforgesebla Internacia Fe rvojista Esperantista Ferio-Sema jno en Vieno la filino ekkonis f

ervojiston de Bolonjo kiu fariĝis sia edzo tial ke ankaŭ S-ino Sabelli translokiĝis en Bolonjo.
Ŝi krom membro de la Bolonjo Esperanto-Grupo "Achille Tellini" estis Direktorino de la Bolonjo Katedro de la Itala Instituto de Esperanto kaj dum longaj jaroj gvisis la ekzamenojn de la Esperanto-Kursoj.
Ke ŝi ripozu en paco!
Al la filino, al la bofilo kaj al la amata nepino niajn sincerajn kondolencojn.

La Itala Fervojista
Esperanto-Asocio

---

KORA AMIKECO

Ĉe l' rigardo brilas la sereno,
kaj en la brusto ardas flamo viva:
ĝi estas signo de supera beno,
meritpremio por person' aktiva.

Aktiva en la daŭra bonofaro,
en la konduto nobla kaj kompato,
en l' interhoma frata solidaro,
celanta al spirita paca stato.

Febrece brulas, pulsas en la sango
sopira revo riĉa je liriko,
kaj ame sin esprimas ĉiu lango
per vorto dolĉa por la kor': "Amiko".

Feliĉas ja la vivo, se fervora
l' animojn ligas amikeco kora.

Luigi Minnaja




A. E. C.

## A.E.C. - INFORMOJ

La revuo FER - EUROP' de la Franca Sekcio AEC, n.ro 7 - marto 1985, publikigis la sekvantan artikolon en esperanta lingvo:

### A.E.C. kaj Esperanto

La 36-a kongreso de I.F.E.F. (Internacia Fervojisto Esperanto Federacio) en Slanĉev Brjag - BULGARIO Majo 1984, ricevis 860 Esperantpartoprenantojn, el 23 nacioj ili ĉeestis ĉe la bordo de la Nigra Maro, kiu en tiuj tagoj de majo, feliĉe estis blua.
Ni rimarkis en la tagordo koncerne la kunsidojn ĉe n-ro 18: "Rilatoj al la aliaj organizoj" 18-3- A.E.C.
Dum la kunsido ni atente aŭskultis D-ro BOLOGNESI (Itala Sekcio) Kaj S-ro KIEFER (Germana Sekcio), kiu prezentis nian asocion en kiu oni klopodas enkonduki Esperanton. Partoprenis kelkaj A.E.C.-anoj: Italaj, Germanaj, Belgaj, Austriaj, Francaj (ni mem).
Iom post iom Esperanto progresas. En Sofio jam staras esperantista teatro.
La lernantoj studas la esperantan lingvon en liceo: en Bulgario, Svedio, Hungario... Ni legis en la fervojista bulteno, ke en Francio en Lormont apud Bordozo instruisto kaj prefesoroj instruas Esperanton al siai respektaj lernantoj. Ili antaŭvidas ke, post ferioj, la Akademia Rektoro oficialigos la instruadon de Esperanto.

Gravas nun, ke ni rapide lernu la lingvon. Nia Internacia Asocio A.E.C. estas inter la unuaj kiuj enkondukas ĝin por interkomprenigi inter la diversaj partoprenantoj.
Zamenhof dediĉis sian vivon al tiu nobla celo.

Gesinjoroj Blanquet

---o---

AMIKOJ!
ENSKRIBIĜU AL LA A.E.C.!
ENKONDUKU ESPERANTO-N
EN LA A.E.C.!

---o---

De Polujo desiras korespondi:

1) Nowocień Halina - ul. Ostrowiecka 7m7 = 26-600 RADOM
2) Redestowicz Halina - Wacyn 52 = 26-600 RADOM
3) Wydra Krystyna - ul. PCK 5m 17 = 26-600 RADOM
4) Łecka Irena - ul. Gwardii Ludowej 6a/1E = 26-600 RADOM
5) Wieczorek Barbara - ul. Komandosów 2m192 = 26-600 RADOM
6) Wójcik Bożena - ul. Żeromskiego 114m60 = 26-600 RADOM
7) Maria Załęcka - ul. Hipoteczna 3 = 26-600 RADOM
8) Jaworska Agnieszka - ul. Szeroka 4m13 = 26-600 RADOM
9) Jaworska Barbara - ul. Szeroka 4m13 = 26-600 RADOM
10) Kowalczyk Elżbieta - ul. Sobieskiego 2m169 = 26-600 RADOM
11) Kowalska Anna - ul. Wysoka 11A = 26-600 RADOM
12) Łychońska Cecylia - (sen adreso) (skribu je amikjno)
13) Malarz Lucyna - ul. Sportowa 33m31 = 26-600 RADOM
14) Orzechowska Maria - ul. Swiętokrzyska 15m60=26-600 RADOM
15) Prokop Halina - ul. Sienna 4/50 = 26-600 RADOM
16) Rodziewicz Danuta - ul. Gwardii Ludowej 8m18 =26-600 RADOM
17) Skorońska Maria - ul. sw.Wacława 21a = 26-600 RADOM
18) Zarychta Alicja - ul. Kusocińskiego 26m19 = 26-600 RADOM

De Rusujo desiras korespondi:

Esperanto-klubo "PACIFICO"
pr.100 let Vladivostoku, 103,
Domo de Junularo, Vladivostoko,
690039, USSR-CCCP

---

ANEKDOTO EL POLLANDO:

Post multe da jaroj renkontiĝas du konatuloj kaj laŭ kutimo ili babilabas.

- Kio okazis ?
- Ĉio bonorde.
- Kiel sukcesas al vi ?
- AnKaŭ bonorde, ĝuste antaŭne longe mi fondis edzec-oficejon.
- Ĉu vi havas konvenan kvalifikon ?
- Ne, sed mi havas 12 filinojn.



Redaktoro: Geo Climelli
Via Zanotti, 19 = 40137 BOLONJO

## A REGGIO CALABRIA

### TAVOLA ROTONDA SUL TEMA

### "L' UNIONE EUROPEA E I GIOVANI"

Organizzata dal DLF e curata dal Gruppo Esperantista calabrese presieduto dall'amico Domenico Fiume, venerdì 26 aprile u.s. si è svolta, in un'aula del Liceo Scientifico Leonardo da Vinci affollatissima di giovani, una tavola rotonda sul tema indicato in epigrafe che ha rivelato la necessità di adottare una lingua comune come veicolo di unione fra i Paesi della CEE.

E' stato riconosciuto che i migliori titoli a questo scopo li possiede l'Esperanto, veicolo di un "pensiero comune" europeo, come ha detto la D.sa Maria A. Sergi Crifò Gasparro, docente di filosofia e rappresentate dell' A.E.D.E. (Associazione Europea degli Insegnanti), entusiasta di questa lingua.

Pienamente d'accordo l'Avv. Giovanni Palamara, Sindaco Reggino e l' Ing. Antonino Borrello Assessore alla Polizia Urbana e Consigliere alla Cultura del DLF.

Il Dr. Mario La Face, Assessore alla Pubblica Istruzione, si è impegnato per la creazione, presso la Biblioteca Comunale, di una sezione di pubblicazioni esperantiste.

Il Prof. Fabrizio Pennacchietti, docente di filologia semitica all' Università di Torino, ha prospettato il pericolo di un assoggettamento dell'Europa all'egemonia linguistica inglese: sarebbe la graduale scomparsa delle lingue nazionali, ha spiegato Pennacchietti, che invece risulterebbero difese proprio dall'Esperanto che si presenterebbe solo come seconda lingua, "l'europeo comune".

Un altro docente di lingue, il Prof. Corigliano, ha obiettato che l'Esperanto è troppo "occidentale" per presentarsi al mondo come lingua internazionale, ma gli è stato risposto da Enrico Mingo, docente presso la Cattedra di Esperanto di Napoli che l'Esperanto "sembra" occidentale, ma accoglie in sè anche elementi che sono presenti in lingue africane e asiatiche.

L'Esperanto è presente - ha proseguito Mingo - in Finlandia (300 istituti), nell'Università di Londra, in quattro università francesi e, a livello di insegnamento universitario, anche in Vietnam e Sud Corea.

Il giornalista Franco Polimeni ha sostenuto che l'Europa è il continente che ne ha più bisogno, perchè la vocazione della civiltà europea, una civiltà unica nello spazio e nel tempo, è stata sempre quella della unificazione, della fusione, della sintesi. Allieva di tutte le altre civiltà (soprattutto le asiatiche ma anche le africane) l'Europa porta con sè, attraverso i millenni, il messaggio della "distruzione delle differenze" e della "ricomposizione dell'unità a livelli sempre superiori".

Non è, quindi, senza ragione che l'Esperanto, suprema sintesi linguistica sia nato dal cuore dell'Europa, la civiltà della sintesi.

Non è, quindi, senza ragione che l'Esperanto, suprema sintesi linguistica, sia nato dal cuore dell'Europa, la civiltà della sintesi.

Insperato interesse,per l'Esperanto, dei giovani che sono intervenuti nella discussione in modo pepato, talvolta provocatorio, incuriositi e talvolta increduli, ma sempre sensibili alla rivoluzione linguistica dell'Esperanto, come lingua di una futura Europa federata, come ha tenuto a rilevare il Preside del Liceo Scientifico Leonardo da Vinci.

---===oooOooo===---

## D.L.F. BOLOGNA - CIRCOLO CULTURALE

## GRUPPO ESPERANTO

## ASSEMBLEA DEI SOCI

Martedi 9 aprile u.s., presso la sede del D.L.F. di Via Poeti 5/2, ha avuto luogo l'Assemblea dei soci del Guppo Esperanto del Dopolavoro Ferroviario di Bologna per eleggere il Consiglio Direttivo del Gruppo.

Sono intervenuti anche il Vicepresidente del D.L.F. Dr. Giuseppe Lizzi, i Consiglieri Nerio Cavallini Addetto alla Cultura e Dr. Giuseppe Caputo redattore di "Tempo Libero sotto le Due Torri", i quali - a turno - hanno preso la parola per salutare i presenti e rinnovare l'impegno e la grande apertura del D.L.F. verso tutte le attività culturali quali la nostra.

Il Consigliere Cavallini sottolinea il grande valore della Lingua Internazionale, mediante la quale gli esperantisti riescono a contattare e a far convivere idealmente l'Occidente e l' Oriente, il Nord e il Sud, talvolta tanto profondamente divisi. Il Dr. Lizzi conferma la generale disponibilità e sottolinea la facilità e l'adeguatezza della nostra Lingua avendone fatta anche diretta positiva esperienza. Il Dr. Caputo fa presente che quest'anno ricorre il 60° anniversario della fondazione del D.L.F. di Bologna e che sarà festeggiato degnamente prevedendo una manifestazione e mostre in cui anche l'attività esperantista potrà ben figurare così come è costantemente rappresentata per mezzo della rubrica sul periodico del Dopolavoro Ferroviario.

Nominata la Commissione Elettorale: Presidente Dr.Cav. Romano Bolognesi, Segretario Cav. Geo Climelli, Scrutatori P.I.Cav. Germano Gimelli - Sig. Sergio Negroni - Sig. Gaetano Gubbioli, il Dr. Bolognesi, in una breve introduzione, illustra la situazione del Gruppo Esperanto del D.L.F. di Bologna composto da 65 soci. Scadendo a fine anno il mandato del C.D. del D.L.F. in carica, non è opportuno - aggiunge - conferire alle nostre nomine una durata superiore a tale scadenza. Informa, inoltre, che è previsto facciano parte del C.D. del Gruppo anche dei non ferrovieri in numero non superiore alla metà, cioè per un massimo di 3 Consiglieri su 7, quest'ultimo numero deciso dall'Assemblea.

Effettuate le operazioni di voto risultano eletti i Consiglieri: Bolognesi - Negroni - Gimelli - Bonora - Sangiorgi - Scardovi - Poletti.

---===oooOooo===---

**I. F. E. A.**



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**);
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)





# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO


REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071


STAMPE